HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.

ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

# HES-INFORMILO

Klaus-Groth-Str. 95
D-2000 Hamburg 26
Tel.: 040-250 30 65

1/86

HES-prezidanto: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, tel.: 435197
HES-konto: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) konto n-ro 173 22-207

**H.E.S. deziras ĝojan krist-naskan feston kaj feliĉan novan jaron 1986 al ĉiuj siaj membroj kaj amikoj!**




De la pinto malsupren ĉi-am nur aldoniĝas unu litero!

**N i a   p r o g r a m o**

decembro 1985

31-a: 20-a horo, **Silvestra vespero** (bv.anonciĝi)

januaro **1986**

2-a: Klubejo **fermita** (pro antaŭaj festoj)

9-a: "1985 en retrospektivo"

16-a: H. Wielgus prezentas gramatikaĵojn

23-a: Hans Schütt voĉlegas rakontojn

30-a: Komputila Esperanto-Lern-Programo (TPS)

februaro 1986

6-a: Klubejo **fermita** pro sabata festo

8-a: 20-a horo, **K o s t u m f e s t o** (vd. paĝon 4)

...

27-a: 20-a horo **J a r ĉ e f k u n v e n o**

(Invito sur paĝo 3)

---

N O V A Ĵ O !

La sabataj vesperoj estas **ludvesperoj** en la klubejo!

(Kompreneble nur, kiam ne okazas iaj festoj tie)

**ŝ a k o ,   k a r t o j   k a j   ĵ e t k u b o j**   atendas vin!

INVITO / EINLADUNG

al la jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo

**ĵaŭdon**, la **27-an de februaro 1986**, je la 20-a horo

en la klubejo Klaus-Groth-Str. 95, Hamburg 26.

---

**La tagordo**

1. jarraporto
2. kasraporto
3. diskuto pri 1. kaj 2.
4. raporto de la revizoroj
5. senŝarĝigo
6. raporto de la konsilantaro
7. buĝeto kaj kotizoj
8. **elektoj** de estraro kaj konsilantaro
9. diskuto kaj decido pri ĝustatempaj proponoj
10. diversaĵoj

**Atentu!** Skribaj proponoj al la jarĉefkunveno devas atingi la estraron ĝis la **13-a** de februaro '86!

Benno Klehr, prezidanto

**Jahreshauptversammlung am 27. Februar '86, 20 Uhr.**




8. Februar 1986

20 Uhr

Wir laden ein zum **K O S T Ü M F E S T** im Klub !

Auch wer (noch) kein Esperanto spricht,
oder kein Vereinsmitglied ist,
darf gerne daran teilnehmen.

... aber bitte im Kostüm!

---

Se vi foje ŝatus telefoni kun ges-roj Sudec,
jen ilia telefon-numero en Barcelona:
00 - 34 - 33 - 45 67 30

---

Nia **K u r s o** por **P r o g r e s i n t o j**
ankaŭ taŭgas por multjaraj klubmembroj, kiuj
deziras iom refreŝigi siajn lingvajn sciojn!
Por membroj la kursoj estas **s e n k o s t a j !**

---

B O N V O L U ne forgesi vian kotizon por 1986!

La sumoj estas la samaj kiel 1985.

HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.

ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

Klaus-Groth-Str. 95
D-2000 Hamburg 26
Tel.: 040-250 30 65

# HES-INFORMILO

2/86

HES-prezidanto: Benno Klehr, Oelkersallee 31. 2000 Hamburg 50, tel.: 435197
HES-konto: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) konto n-ro 173 22-207



Karaj membroj, karaj amikoj,

la jaro 1985 finiĝis kaj baldaŭ ni havos nian jarĉefkunvenon. Pro tio mi volas iom resumi la okazaĵojn en la klubo dum 1985, kaj raporti pri la planoj por 1986.
La ĵaŭdaj vesperoj okazis kiel kutime kun prelegoj, rakontoj, ludoj ktp., same la diversaj festoj, krome dum sabataj vesperoj futbal- kaj ŝak-ludantoj kaj aliaj por amuziĝi. Arbeitskreis ankaŭ regule uzas la klubejon por kunsidoj.
Ekzistas tri kursoj de komencantoj kaj unu de progresintoj.
Ni preparis la malsupran salonon por la renovigo, kiun ni planas por printempo.
En la nova jaro ni denove okazigos kursojn, ankaŭ en la nova salono. Ankaŭ la "haringoj" (kabaredo) denove aktiviĝu.

La estraro serĉas **k u n l a b o r a n t o j n** por administrado, domo kaj laborgrupoj!

Benno Klehr

---

Jarĉefkunveno 1986 (2-a publikigo)

(Jahreshauptversammlung des Esperanto-Verein Hamburg e.V.)

27-a de **F E B R U A R O** 1986, 20^00 h.

(Tagordo en HES-Informilo 1/86)

Skribaj proponoj al la jarĉefkunveno devas atingi la estraron ĝis la 13-a de februaro 1986.

Benno Klehr
(prezidanto)

---

Bonvolu ne forgesi vian kotizpagon por 1986!

## E S P E R A N T L I N G V A J   L I B R O J

D-ro Walter Lippmann volas vendi librojn el sia biblioteko (parte tre malnovajn). Interesitoj bv. direkti sin al li:
Tel.: 22 52 58



---

## N A S K I Ĝ T A G O J



Ni gratulas al Hella Lanka je ŝia naskiĝtago (10.2.).
Ŝi invitas festi kun ŝi ĵaŭdon la 13-an de februaro je la 20-a horo.

——— /// ——— /// ——— /// ———



75-jara fariĝos Friedel Kogel kaj invitas al festo:
**l u n d o n ,** 3-a de marto, 16-a horo en la klubejo.
Ŝi petas rezigni pri floroj kaj donacoj kaj deziras kolekti monon por la klubejo.

---

## K E G L A D O



Niaj keglantoj renkontiĝas vendrede je la 20-a horo en gastejo "Wappenhof" (Borgfelder Straße).
Venontaj datoj: 21.2. / 21.3. / 18.4.

Novaj partoprenantoj estas bonvenaj!



*Germana Esperanto-Asocio ofertas al vi agrablan semajnon por la tuta familio en internacia etoso*

*Der Deutsche Esperanto-Bund bietet für die ganze Familie eine internationale Ferienwoche an*

# 2a PSI

*novstila aranĝo, kiu post la lastjara sukceso okazos en 1986 denove ĉirkaŭ pasko.*

*eine Veranstaltung besonderer Art, die nach dem Erfolg im letzten Jahr auch 1986 wieder um Ostern herum stattfindet.*

*28a de marto ĝis 4a de aprilo*
*1986 Wetzlar*

*Aliĝu al: / Anmeldungen an:*
*Hedwig Fischer, Gustav-Adolf-Str. 2a*
*D-4418 Nordwalde, tel. 02573/626*

---

LA LONDONA ESPERANTO-KLUBO / THE LONDON ESPERANTO CLUB

# BULTENO

PROGRAMO POR NOV/DEC 1985

Fred Tallant Hall, 153 Drummond Street, London NW1 2PB

Ĝiro No.546610005

La Londona Esperanto-Klubo kaj HES nun regule interŝanĝas "Bultenon" kaj "Informilon". Jen kelkaj novaĵoj el Britio:

MAR.28–31: **Loughborough** (Leics)
70-a Brita Kongreso de Esperanto.
Loughborough University.
*Inf: Mrs Shiela Folkard, 20 Great Central St, L'boro', Leics. LE11 1RW*

APR.18–20: **Folkestone** (Kent)
20-a Markola Kongreso.
*Inf: S-ino Frances Randall, 5 Wiltie Gdns, F'stone CT19 5AX (0303 54550)*

E S P E R A N T O - H O T E L O

en Heysham, proksime de la urbo Lancaster apud la maro. Belaj ĉambroj por 16 gastoj.

La plej nova Londona Bulteno estas je via dispono en la HES-klubejo.

---

M A L M Ö ( Svedio )

La Klubo Esperantista de Malmö ankaŭ interesiĝas pri pli intensaj kontaktoj al HES. (Ili ankaŭ ricevos nian Informilon) Verŝajne kelkaj klubanoj de Malmö partoprenos en la Germana Kongreso dum pentekosto en Hamburg.

# 64. Deutscher Esperanto-Kongreß

KONGRESKOTIZOJ / KONGRESSBEITRÄGE

Ne-membroj de GEA/Nichtmitglieder von GEA:
ĝenerale/allgemein..................................45,--GM/D

partneroj/sensalajruloj/junuloj (ĝis 25jaraj).........22,--GM/D
Partner/Einkommenslose/Jugendliche (bis 25 Jahre)

Por membroj de GEA/Für GEA-Mitglieder:
ĝenerale/allgemein..................................25,--GM/D

partneroj/sensalajruloj/junuloj (ĝis 25jaraj).........12,--GM/D
Partner/Einkommenslose/Jugendliche (bis 25 Jahre)

Patronaj membroj de GEA kaj eksterlandanoj ne pagos kotizojn!

PLIPAGO por aligo post la 31.1.1986.......................5,--GM/D
ZUSCHLAG für Anmeldung nach dem 31.1.1986

Adreso de aliĝo/Anmelde-Anschrift
Arbeitskreis Internationale Sprache Esperanto
s-ro Gerhard Hein
Scheideholzweg 65 a
D-2104 Hamburg 92

Kongreskonto/Kongreßkonto
Gerhard Hein - Sonderkonto E
Nr. 277 90 - 202
Postgirokonto Hamburg
BLZ 200 100 20



# Niaj enigmoj:




1/86




Karaj amikoj de enigmoj!
Mi ĉiam mem faras la enigmojn en HES-Informilo. Tio estas granda laboro. Ĉu mi daŭrigu? Ĉu vi ŝatas facilajn aŭ malfacilajn enigmojn? Mi petas vin, skribu viajn proponojn! BK.

---

Ĉu "La" Gazeto?

Oni proponis al la estraro de HES, aboni la kulturan periodaĵon "La Gazeto" por nia klubo. (eldonas Monda Federacio de Kulturaj Asocioj - MFKA ; Redaktoro: d-ro Eugene de Zilah, Metz, F) La estraro ne povis akcepti tiun proponon, ĉar HES kiel loka grupo de GEA estas aliĝinta membro de UEA. "La Gazeto" n-ro 1 enhavas sur 16 tekstpaĝoj 8 artikolojn, kiuj iel atakas UEAn (krom la atakoj kontraŭ aliaj). Sub la nomo "Kulturo" la eldonantoj klopodas vendi al ni sian "novan veron", speciale per citaĵoj de la "veraj Esperantistoj" kaj "Neŭtrala Esperanto-Movado". HES **ne** subtenos tian polemikan periodaĵon. BK

---

"Tekniko estas, kiam io ne funkcias ..."

Pro difekto de la komputilo, necesis ŝanĝi la daton de prezentado de 30-a de Jan. al 13-a de Ma

## NIA PROGRAMO

Februaro 1986

6-a: Klubejo fermita pro sabata festo!
8-a: Sabato, kostumfesto, 20-a horo
13-a: Naskiĝfesto, rakontetoj (vd. paĝon 3)
20-a: Hamburg 1974, diapozitivoj
27-a: Jarĉefkunveno de HES (vd. paĝon 2)

Marto

6-a: Reensaligo de haringoj (vd. sube)
13-a: Komputila Esperanto-Programo
20-a: Kunsido de la Landa Ligo de GEA (vd. sube)
27-a: "ovo-kunveno" (Vd. sube)

Aprilo

3-a: Informvespero
(novaj kursoj)

---

LANDA LIGO HAMBURG DE GEA
20-a de marto. Dum tiu vespero ankaŭ la kunlaboro por la Germana Kongreso estos temo.

---

HARINGOJ SALITAJ

Ni serĉas kunlaborantojn kun kuraĝo kaj fantazio por ellabori skeĉojn, kantojn ks. kiujn ni iam prezentos.

---

"ovo-kunveno" = antaŭpaska babilanta rondo

# Esperanto im Dienste der Völkerverständigung

el DIE WELT (HH) 5.11.85

„Ĉu vi parolas Esperanto – Sprechen Sie Esperanto?" Dieser Satz ist sicherlich nur eine der Erinnerungen, die Benno Klehr befallen, wenn er an den 70. Internationalen Esperanto-Kongreß vor einigen Wochen zurückdenkt. Während oft mühsam versucht wird, sich Englisch- oder Französischkenntnisse anzueignen, beschäftigt sich der erste Vorsitzende des Esperanto-Vereins Hamburg mit einer Sprache, die noch weitgehend im verborgenen schlummert.

Esperanto, 1887 vom polnischen Augenarzt Ludwik Zamenhof als Welthilfssprache entwickelt, stützt sich vorwiegend auf romanische Sprachen wie Französisch, Italienisch, Spanisch und dazu auf Englisch. Benannt wurde die Sprache nach dem Decknamen des Erfinders, Dr. Esperanto (= der Hoffende), der sich von seiner Erfindung einen weltweiten, der Völkerverständigung dienenden Durchbruch erhoffte. Doch die beiden Weltkriege setzen der Verbreitung Grenzen. Dennoch beherrschen weltweit rund drei Millionen Menschen Esperanto, in Deutschland sollen es ungefähr 10 000 sein. Davon gehören etwa 150 dem Verein in Hamburg an, der regen Kontakt zu anderen norddeutschen Verbänden pflegt.

Der Hamburger Esperanto-Verein, bereits 1904 gegründet, hat ein eigenes Klubhaus, in dem zahlreiche Veranstaltungen stattfinden. Die Aktivitäten der Esperanto-Anhänger sind vielseitig: Man hört Vorträge und diskutiert, in regelmäßigen Abständen erscheint eine Vereinszeitschrift. Darüber hinaus kann man seine Kenntnisse durch Esperanto-Literatur erweitern. Von der Bibel bis Böll ist viel im Angebot. Auf Mittel- und Kurzwelle lassen sich Esperanto-Sendungen aus aller Welt empfangen, und wen die Reiselust packt, dem empfiehlt Klehr den europäischen Gastgeberservice „Pasporta-servo". Die Vorzüge Esperantos als internationale Verständigungssprache erläutert Gerald Roemer, der Jugendvertreter des Vereins: „Esperanto läßt sich bedeutend schneller lernen als Englisch. Im Gegensatz zu anderen Sprachen gibt es keine umständlichen Redewendungen – Esperanto ist einfach logisch." Eine Umfrage im Auftrage des Vereins ergab einen Bekanntheitsgrad von 50 Prozent.

Nach Meinung Roemers könne Esperanto die gängigen Sprachen nicht verdrängen, „wolle es aber auch gar nicht". Wichtig ist die Völkerverständigung: „Leute, die miteinander reden, schießen nicht aufeinander." Doch auch im Familienalltag scheint die Sprache zur Verständigung beizutragen. So weiß Benno Klehr von der Heirat eines Deutschen mit einer Japanerin. Beide hatten sich durch Esperanto kennengelernt, und später auch ihrem Kind diese Sprache beigebracht. Die Altersstruktur des Vereins ist dementsprechend breit gefächert. Sie wollen weder eine belächelte Minderheit sein noch wollen sie sich abgrenzen.

Jetzt, im Herbst 1985, fangen im Klubhaus in der Klaus-Groth-Straße 95 die neuen Kurse an. Zusätzliche Aufmerksamkeit für ihre völkerverbindende Universalsprache versprechen sich Benno Klehr und Gerald Roemer von dem Deutschen Esperanto-Kongreß 1986 in Hamburg, der bereits jetzt intensiv vorbereitet wird.

Daß Esperanto eine internationale Sprache ist, merkt der ungeübte Zuhörer spätestens, wenn er sich nach der Herkunft derer erkundigt, die da im Klubhaus so einträchtig nebeneinander mit den Deutschen zusammensitzen: Aus Polen kommen sie, aus Japan, dem Iran und aus Israel. Alle verstehen sich prächtig auf der internationalen Basis Esperanto. rd

HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.

ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

Klaus-Groth-Str. 95
D-2000 Hamburg 26
Tel.: 040 - 250 30 65

# HES-INFORMILO

3/86

HES-prezidanto: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, tel.: 43 51 97
HES-konto: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) konto n-ro 173 22 - 207




Desegnaĵo de E. Klünder: TS - broŝuro

## *Nia programo*

**Aprilo 1986**

**3-a:** Kunsido de la Landa Ligo

10-a: Svisa Radio (K.-H. Hoffmann)

**17-a: Informvespero**

24-a: Lumbildoj pri Namibio (W. Bernhardt)

**Majo 1986**

1-a: **fermita** (festotago)

**8-a: ĉe-Ellen-ir-tago,** 15°° h ĉe Ellen Eggers, Minsbekkehre 4, Hamburg-Poppenbüttel.
Kafo kaj kuko en la ĝardeno; **mem** kunportu kukon!
**PROMENEMULOJ** renkontiĝos je
14.30 h ĉe S-stacio Wellingsbüttel.

15-a: **fermita! Klubvespero vendredon!**

16-a: **Vendredo!**
Komuna vespero kun jam alvenintaj kongresanoj.

17-a: **Germana Esperanto-Kongreso**
**en Hotel Norge, Schäferkampsallee**

Sabato
14°° h Prelego "Perspektivo de nia eŭropa laboro"
16°° h Kunveno: Asocio de Verdulaj Esperantistoj
20°° h Teatraĵo: "La kalva kantistino"

Dimanĉo
10.30h "europäischer Morgen" kun d-ro Jarzembowski
17°° h ekumenia edifo (Andacht) en Hotel Norge

Lundo
10°° h **Jarĉefkunveno de GEA**
19°° h HES-klubejo malfermita

Majo 1986 (daŭrigo)

22-a: Nia delegacio raportas pri sia vojaĝo al Malmö.

29-a: Kongres-Retrospektivo

**Junio 1986**

5-a: Gerd Tigges prezentas surprizojn

12-a: Kunsido de la Landa Ligo

**Hamburganoj !**

**ankaŭ vi aliĝu al la**

**Germana Esperanto-Kongreso**

Tiom proksima ĝi ne okazos baldaŭ denove!

**Partoprenu!!!**

Ankaŭ eblas aĉeti tagajn biletojn aŭ nur
por certaj programeroj.

La kabareda grupo **Haringoj Salitaj**
nun regule renkontiĝas ĉiun unuan ĵaŭdon monate
antaŭ la klubvespero je la 18-a horo.

**Esperanto 100-jara**

La Landa Ligo Hamburg planas jubilean feston kaj
**NoGeLo**-tagon por la komenco de marto 1987.

**Keglantoj** regule renkontiĝas
Informoj ĉe Elsbeth Wielgus Tel. 25 29 36.

## M A L M Ö kaj H A M B U R G

La 12-an de Aprilo la Esperantista Klubo de Malmö (Svedio) festos sian 80-jaran jubileon.
Laŭ invito de la Malmöanoj Walter Kahlert kaj Heinrich Wielgus vojaĝos tie por reprezenti la Hamburgan klubon.
Tiu ĉi vizito estu la komenco de ĝemeliĝo de la du kluboj.
Niaj "diplomatoj" raportos post sia reveno dum ĵaŭda vespero.

---

## N O V A J K U R S O J

La **17-an** de **Aprilo** denove okazos

I N F O R M V E S P E R O .

Laŭ la deziroj de interesitoj ni fiksos la datojn por la novaj kursoj.

Eblas kursoj unufoje semajne (vespere) aŭ semajnfinaj kursoj, ĉiun trian semajnon.

---

## D A N K O N

al **Friedel Kogel**, kiu rezignis pri naskiĝtagaj donacoj kaj petis siajn amikojn, anstataŭe donaci al la klubo.

**7 0 0 m a r k o j**
por la klubo estis la rezulto de tiu bona ideo!

---

La R E N O V I G O de la suba salono komenciĝis!

H E L P E M U L O J ĉiam estas bonvenaj!

Bonvolu telefoni al Benno Klehr: Tel. 43 51 97

HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.

ESPERANTO-VEREIN HAMBURG e. V.

Klaus-Groth-Str. 95
D-2000 Hamburg 26
Tel.: 040-250 30 65

# HES-INFORMILO

4/86

HES-prezidanto: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, Tel.: 43 51 97
HES-konto: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20), konto n-ro 173 22 - 207



Vertizontale

Horikale

KOMPLIKAĴO

6 sindikato laŭ itala maniero.

7 ĉina supo per ĝi dikiĝas.

KOMPLIKAĴO

KOMPLIKAĴO



Horizontale: 1 familiano de studado. 10 kontrola organo (mll). 12 ĝi tenas fermita, ĉe se ne ŝlosita. 14 neesperanta sekso. 15 legomo en estrar-raporto. 17 fluida Hinda ŝtat'. 18 diesa Re. 19 antaŭ en kaj el de gren' kaj nuks'. 20 iom futura, iom grupa lago kaj ŝtato en Amerik 21 per ĝi 36-horizontale fariĝas kontinento. 22 unufoje dum la jar' estas paca kaj sankta ĝi 25 bela cigno, kiel infano nomita malbela tiu. 26 popolara scienco. 29 arkta spektraliga gazeto (mll). 31 tie en Ameriko la urbestro daŭre mensogas pri polucio. 32 valordona farb'. 33 sen scio kontrakti. 36 sableca virnomo. 38 libroforma enloĝant' de Eŭropa ĉefurbo. 40 rapida strikta maŝo. 42 floro ĉarma, sed malvarma.

Vertikale: 1 tiuloke agas plataj aktoroj. 2 por 18-horizontale ĝi estas nigra. 3 ĝi tenas per la dentoj la pantalonon. 4 jen malel, je aliel. 5 por manĝi ostrojn, elektu monatojn kun ĝi. 8 malekofici. 9 trovu ĝin surkape, en akvo aŭ etero. 10 ŝi sciis ke virojn oni ligu per longa ŝnuro. 11 orienta universo. 13 listiga libro por venigi doman beston. 16 kalkulante per modulo tiu sufikso ne necesas. 23 tiel bakisto perdas sian agresemon. 24 muzika medikamento. 27 peza kaj senfina. 28 senfina ventego. 30 amatino de Eroso. 31 estas bone, en franca kaj germana grund'. 34 tia diro, tranĉita en tilia ŝelo. 35 mallongiĝo kun knala efiko. 37 en greka 17, en esperanto 21. 41 en gastejo kun ĝi eliro fariĝas dangera. 42 27-vertikale oble 10 alta -6 (mll). 43 diferenco inter Zepelino kaj Zamenhof.

HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.

ESPERANTO-VEREIN HAMBURG e. V.

# HES-INFORMILO

Klaus-Groth-Str. 95
D-2000 Hamburg 26
Tel.: 040-250 30 65

5/86

HES-prezidanto: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, Tel.: 43 51 97
HES-konto: Postgiro Hamburg (BLZ 200 100 20) konto n-ro 173 22 - 207




Vojaĝi estas plezuro...

# N I A   P R O G R A M O

## aúgusto 1986

21-a: raporto pri la UK en Pekino (W. Bormann)
28-a: novaj lingvaj ludoj (E. Wielgus)

## septembro 1986

4-a: diskuto: evoluo de la monda situacio
11-a: **INFORMVESPERO** (vd. dekstre)
18-a: perspektivoj kaj planoj por 1987 (B. Klehr)
25-a: historio de Grèsillon (K.-H. Hoffmann)

## oktobro 1986

2-a: ni aúskultas fabelojn kaj rakontaĵojn
9-a: kunsido de la Landa Ligo (ŝanĝo ebla)
16-a: PIV kaj aliaj eblecoj perfektiĝi (B. Klehr)

## Esperanto en lernejoj

Dum la lasta semajno antaú la ferioj en la gimnazio de Glinde okazis t. n. projektsemajno. Unu projekto estis Esperanto-kurso, kiun partorpenis 9 gelernantoj 16- ĝis 18-jaraj. Fine de la semajno ili jam disponis pri bonaj bazaj konoj de la lingvo. La kurso sekvis la Zagreban metodon.

Esperanto en lernejoj (daŭrigo)

Ankaŭ en la gimnazio de Lohbrügge okazis projekt-semajno, kie prezentiĝis Esperanto.
Do ekzistas ebleco, porti Esperanton en la lern-ejojn! Sed por ebligi tion, ni bezonas instru-istojn, kiuj povas dum unu tuta semajno liberigi sin de laboro por fari kurson.

## NOVAJ KURSOJ

Post la somera paŭzo niaj ĵaudaj kursoj denove okazas ĉiu-semajne. Semajnfinaj kursoj por ko-mencantoj kaj progresintoj okazos la 20-an kaj 21-an de septembro. Ĉiuj kursoj en HES-klubejo.

## INFORMATIONSABEND

über die internationale Sprache Esperanto

am **11. September** um **20:00** Uhr im

**Esperanto-Haus, Klaus-Groth-Straße 95, HH 26**

(erreichbar mit der U-Bahn **U** 3 bis Burgstraße)

## ANFÄNGER-INTENSIVKURS

am Wochenende 20. / 21. September 1986

Sonnabend 14 - 17 Uhr, Sonntag 10 - 16 Uhr

(Getränke und Mittagessen am Sonntag werden im Klubhaus angeboten)

La krucvortenigmo ĉifoje havas germanlingvajn klarigojn, kaj la solvoj estu en Esperanto.

Multan plezuron !



horizontale: 1. Chinesisches Getreide; 4. Kapuze; 10. Pflaume (Stamm); 14. Geier (Stamm); 15. Emir; 17. Anhänger; 18. Geigenbogen 20. Currysoße; 25. sich erinnern; 26. ital. Brücke; 28. Autokennz. Europa-Rat; 29. blöken; 30. Kennz. Spanien; 31. das; 32. aus; 33. Kennz. Griechenland; 34. Buchdruck; 36. Harn; 38. Grußwort; 40. drei; 41. frisch; 44. lahmen; 47. Werkstatt; 48. ich; 49. Eintönigkeit; 50. Amt (Stamm); 51. Insektenpanzer; 53. Teilungsartikel; 55. venezian. Fürst; 56. duften; 57. Batterie;

vertikale: 1. sehr geizig; 2. Gemurmel (Stamm); 3. ausschöpfen; 4. Kuckuck (Stamm); 5. Suffix: Gruppe; 6. Handknochen; 8. alles; 9. Gold (Stamm); 10. je; 11. Route; 12. Unze; 13. engl. nein; 16. Längengrad; 19. schattig; 21. verhaftet; 22. Bohnenkraut; 23. Zugang; 24. Saum; 27. irgendwo; 32. sich verlieben; 35. Europa; 37. Kennz. Italien; 39. Damwild; 41. kühl; 42. Autofahrer (Stamm); 43. Reihe; 44. Ort; 45. Sitte; 46. weiblich; 52. diesbezüglich; 54. Suffix: Gegenwart passiv; 55. von

HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.

ESPERANTO-VEREIN HAMBURG e. V.

Klaus-Groth-Str. 95
D-2000 Hamburg 26
Tel.: 040-250 30 65

# HES-INFORMILO

6/86

HES-prezidanto: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, Tel.: 43 51 97
HES-konto: Postgiro Hamburg (BLZ 200 100 20) konto n-ro 173 22 - 207




3-lingva varbilo de GEA: franca, nederlanda, germana

NIA PROGRAMO

Oktobro 1986

23-a E. Bormann prezentas diapozitivojn pri ĉinio
30-a K-H. Hoffmann aŭdigos sonbendon pri Gresillon

Novembro 1986

6-a Ni aŭskultas fabelojn
13-a Kio grava okazis...? (diskuto)
20-a Ni klopodas lingve progresi
27-a E. Bormann prezentas lumbildojn pri Lhasa/Tibeto

Decembro 1986

4-a Klubejo fermita pro sabata festo!
6-a ZAMENHOFFESTO
Bonvolu anonciĝi ĉe s-ino Wielgus!
11-a Jan Skorupski prezentas Polajn kutimojn

Antaŭ dek jaroj
ĉu vi memoras? La 7-an de oktobro 1976 okazis la unua klubvespero en la luita klubejo en Vehrenkampstraße. Estis la unua fojo en la historio de HES, ke la klubo ne plu devis kunveni en gastejoj sed en propra ejo.

Nova adreso
Dr. Vesna Staniĉić-Burchards
Glashütter Weg 29
2000 Norderstedt
Tel.: 040-526 16 55 (restis la sama)

*30-a Internacia Seminario*

# INTERNACIA KULTURO EN PRAKTIKO

*~ Esperanto 100-jara !*

# Rezolucio de UNESKO pri Esperanto




Dank' al la energiaj klopodoj de s-ro Tibor Sekelj, observanto de UEA en la okazinta en Sofio XXIII Sesio de la Generala Konferenco de UNESKO (8.10.-12.11.1985), la Pleno de la Generala Konferenco akceptis, la 8-an de novembro 1985, novan rezolucion favore al Esperanto.

Ĉi-sube ni proponas al via atento plenan tekson de tiu rezolucio (Rezolucio de Unesko XI.4.4.218).

La Generala Konferenco,

K o n s i d e r a n t e, ke ĝi en sia sesio de 1954, okazinta en Montevideo, per la rezolucio IV.1.4 422-4224 notis la atingojn pere de la internacia lingvo Esperanto sur la kampo de internaciaj intelektaj interŝanĝoj kaj reciproka interkomprenigo de la popoloj en la mondo, kaj rekonas, ke tiuj atingoj kongruas kun la celoj kaj idealoj de UNESKO,

M e m o r i g a n t e, ke Esperanto faris intertempe konsiderindan progreson kiel ilo por la antaŭenigo de reciproka interkomprenigo de popoloj kaj kulturoj de diversaj landoj, penetrante en la plimulton de la regionoj de la mondo kaj la plimulton de la homaj aktivecoj,

R e k o n a n t e la grandajn eblecojn de Esperanto por la internacia kompreniĝo kaj la komunikado inter homoj de malsamaj naciecoj,

N o t a n t e la konsiderindan kontribuon de la Esperanto-movado,kaj precipe de Universala Esperanto-Asocio por la diskonigo de informoj pri la agado de UNESKO,same kiel ĝian partoprenon en ties aktivecoj,

K o n s c i a pri la fakto, ke en 1987 oni celebros la centjariĝon de ekzisto de Esperanto,

1. G r a t u l a s la Esperanto-movadon okaze de ĝia centjariĝo;

2. P e t a s la Generalan Direktoron daŭre sekvi kun atento la evoluon de Esperanto, kiel ilo por pli bona kompreniĝo inter diversaj nacioj kaj kulturoj;

3. I n v i t a s la Statojn-Membrojn marki la centjariĝon de Esperanto per konvenaj aranĝoj, deklaracioj, per eldono de specialaj poŝtmarkoj ktp, kaj stimuli la enkondukon de studprogramo pri la lingvo-problemo kaj pri Esperanto en siaj lernejoj kaj institucioj de supera edukado;

4. R e k o m e n d a s al la internaciaj neregistaraj organizoj aliĝi al la celebrado de la centjariĝo de Esperanto, kaj konsideri la eblecon utiligi Esperanton kiel rimedon por diskonigo de ĉiuspecaj informoj inter siaj membroj, inkluzive de informoj pri la laboro de UNESKO.

# 30-A INTERNACIA SEMINARIO

de Germana Esperanto-Junularo kaj Germana Esperanto-Asocio










## Celgrupo

La IS celas unuavice lingve progresintajn Esperanto-parolantojn, kiuj kapablas sekvi la prelegojn kaj aktive partopreni la programon. Ne nur junuloj sed ankaŭ mezaĝuloj (kun aŭ sen infanoj) estas bonvenaj; infanoj estos bone prizorgataj: por ili okazos aparta programo.

## Programo

La festendaj jubileoj preskaŭ devigis nin elekti temon ĉefe pri-esperantan; tamen ĝi estas multe pli. Internacia kulturo en praktiko por ni ŝajne estas io memkomprenebla. Pro tio ni pensas havi firman imagon pri ĝi. Sed diskutado, nekutima prezento de kultureroj kaj estigo de teoria kompreno pri kulturoj povas plifundigi la estimon kaj veki senton pri la neordinareco de tiu ĉi vivoflanko de ni en pli malpli nacieca mondo. Elekto de tia temo eĉ donas plenan valoron al la kutimaj distraĵoj. Nia komuna praktikado de nia kulturo dum la tuta semajno helpos al ni pritaksi pli profunde tiun ĉi viveron.
Kio entute estas internacia kulturo? Ĉu ĝi forigas naciajn kulturajn trajtojn? Kiamaniere ĝi estiĝas, kaj kiaj estas la kaŭzoj por ĝia disvolviĝo? Kiel kontribuas la internaciaj ekonomiaj interplektoj (turismo, merkato, sistemo)? Pedagogiaj (ekz. edukado al kultura toleremo, spertoj kun plurlingva instruado) kaj religiaj aspektoj (ekz. homaranismo, etikaj reguloj) influas la disvolviĝon de internacia kulturo. Kiel etnaj malplimultoj tenas siajn proprajn kulturajn trajtojn en fremda medio? Kiuj vere internaciaj (junularaj) organizoj ekzistas ekster la Esperanto-movado?
Se vi sentas vin kapabla kaj ema kontribui al tiu ĉi teoria flanko de la temo, bv. skribi al:

**Wilfried Hinrichs, Schulstr. 2, D-3392 Clausthal-Zellerfeld, F.R.Germanio.**

Laborgrupoj kaj manlaborado ebligos ĝuste la promesitan praktikadon, kaj ili fakte vivigu la emon lerni paŝ' post paŝo pri kio temas kiam temas pri kulturo (ekz. popoldancado, improvizado de teatraĵoj). Prezento de personoj kiuj pli okulfrape montros porkulturan engaĝiĝon (kantistoj, muzikistoj) estu tria flanko de la pritraktado de nia temo.
Kontribuemuloj por la programo ĉi-flanka, bv. turni sin al:

**Dagmar Schütte, Kirchplatz 2, D-4592 Wallenhorst, F.R.Germanio**